LA JURNALISTO

INFORMILO DE TEJA

1952 N:o 17-18

TUTMONDA ESPERANTISTA JURNALISTA ASOCIO
Prez. ĉefredaktoro C. Hilmer Johansson , Östgöten, LINKÖPING, Svedlando
Sekr. Redaktoro Einar Adamson, Värmlandsgat. 18 , GÖTEBORG , Svedlando.
Materialon por La Ĵurnalisto sendu al la sekratario.

LA SEPA FAKKUNSIDO DE TEJA OKAZOS DUM LA UEA-KONGRESO EN OSLO , NORVEGUJO, LUNDE LA 4-AN DE AUGUSTO.

Se eble anoncu vinn alvenon al TEJA- sekretario. Dum la konbreso bonvolu observi la anonctabolon en la kongresejo.

= = = = = = = = = = =

## INTERNACIA GAZETARA SERVO

En n:ro 14 de TEJA-INFORMILO ni skribis pri la INTERNACIA GAZETARA ŜERVO, kiun UEA prizorgas ,sed nia sekretario redaktas. Ni tian povis konstati ke en Islando niaj kolegoj bone uzas la materialon. Kelke da privataj esperantistoj, kiuj havas kontakton kun ia gazeto prizorgas tradukojn, sed en multaj landoj oni nun fondis nacilingvan gazetaran servon kaj ni povas konstati ke eĉ tiuj kun danko uzas nian materialon.

El FRANCUJO oni raportas al TEJA ke kolonelo Leger konsentis son okupi estonte pri la franca gazetara servo. Adreso: Kolonelo Leger, 12, rue du Marechal Gallieni a THORIGNY, Seine -et-Marne

NEDERLANDO: Gazetara Servo de Nederlanda Katoliko, Viottastraat 11, EINHOVEN, konencis uzi la materialon de IGS.

La sekretario de Propaganda Servo en NEDERLANDO, S:ro Hans Bakker, v.Tuyll v. Serooskerkenplein 33, AMSTERDAM Z- sciigas al ni ke la ĉefredaktoro de la grava gazeto "Het Parool" esprimis deziron ricevi la materialon en Esperanto direkte el IGS, sendita al redakcio de "het Parool" ter attentie van der Heer P.P.van t Hart, Nw. Zijdsvoorburgwal 225, Amsterdam C. Car redaktoro Hart estas esperantisto li mem tradukas niajn artikolojn. por sia gazeto.

SVISLANDO: S:ro Fritz Liechti, Wallisellenstr 429 ZURICH 50, kiu prizorgas la gazetservon de Svisa Esperanto Societo skribas al sekr. de TEJA:

" Por via lasta cirkulero de "INTERNACIA GAZETARA SERVO" vi petas informon, ĉu oni utiligas viajn informojn pri ESPERANTO. Mi povas diri al vi, ke nia gazet-lupeo preskaŭ regule enhavas ilin. Vi povas tion mem konstati en nia gazeto "Svisa Espero", kiun vi ja regule ricevas. Kvankam ni ofte devas iom ŝanĝi la tekston por niaj cirkonstancoj, ni volas diri, ke ni tre ŝatas viajn komunikajojn.

Esprimante la esperon, ke vi povos daŭrigi la eldonon de IGS, ni kore dankas por viaj penoj kaj restas kun plej sinceraj salutoj, la prizorganto de la gazetservo de SES, Fr.Liechti.

Daŭrigo en pago 3

## EBLE POVAS ESTI INTERESA POR JURNALISTOJ ? ? ? ? ?

### INTERNACIA KURSO KUN ŜTATA SUBVENCIO.........

Pro la kontentiga raporto pri la internacia kurso en Viskadalen, Svedujo en la jaro 1949, la sveda registaro decidis asigni 4000 kronojn por la aranĝo de nova kurso, kiu okazos en altlernejo B o h u s g å r d e n UDDEVALLA apud GÖTEBORG, de 27 julio ĝis 2 aŭgusto 1952. La aranĝanto, kiu estas Sveda Esperanto-Instituto fiksis tiun daton por ebligi al la partoprenantoj de la Universala Esperanto-Kongreso en Oslo survojo halti en Bohusgården por ĉeesti la kurson.

La temo de la kurso estas "LA NUNTEMPA SVEDLANDO" kaj la prelegoj pritraktos aktualajn partojn de la sveda kultura kaj teknika vivo: la modernan literaturon, edukadon, sciencon, arton, muzikon, sociajn aranĝojn kaj industrion.

La prelegoj faros: redaktoro Einar Adamson, inĝeniero S. Alexandersson, ĉefinstruisto Einar Dahl, ĉefredaktoro Hilmer Johansson, d:ro J. Stenström, bankoficisto J. Strönne, d:ro F. Szilagyi kaj rektoro Karl Söderberg.

La lernejo troviĝas tute apud la maro kun belegaj banstrandoj. En la vesperoj estos amuzaj programoj, en kiuj partoprenas ankaŭ la svedoj, kiuj paralele studos tie en kurso por stud-kaj grupgvidantoj.

La prezo de la kurspartopreno estas 75 svedaj kronoj, por kiu sumo la kursanoj ricevos krom la instruado ankaŭ loĝon, manĝon kaj ekskurson al Gotenburgo / Göteborg/ kun vizito en iu sveda grandindustrio. En la kurso povos partopreni maksimume 25 personoj. Al kelkaj kursanoj la Instituto povos konsenti malpliigon de la kurskotizo, post la prezentado de taŭgaj rekomendoj kaj atestoj.

Demandojn pri la kurso kaj aliĝojn/ ĝis la 1-a de junio/ oni sendu al Sveda Esperanto-Instituto, Sibyllegatan 83, STOCKHOLM, Svedlando.

XXXXXXXX XXXXXXXXX XXXXXXXX XXXXXXXXX

### L A J U R N A L I S T O

Dum la last pasinta aŭtuno du TEJA-anoj- jugoslavo kaj anglo- proponis ke ni uzu la nomon LA JURNALISTO, motivigante ke ni do pli bone komprenas pri kiu temas.

En la estraro ni voĉdonis skribe pri la nomo. Nur unu estrarano estis duba pri la nomoŝanĝo, ĉiuj aliaj voĉdonis por la nomo "La Jurnalisto". Tial vi nun renkontas la novan nomon en la vigneto de nia informilo.

### AL LA MEMBROJ DE TEJA

Ĉar estas por ni ne facile pruni maŝinon por stenciligi/ multobligi/ nian informilon ni estas dankema se iu membro, kiu povas prunti aparaton volas helpi nin per stenciligado. La stenciloj mi do liveras. Same ni komprenoble pagos la paperon kaj aliaj kostoj.

La sekretario

PAGU VIAN JARKOTIZON POR 1952. 1 amer. Dolaro aŭ egalvaloro. Ordinare same kiel 14 eksterlandaj leterafrankoj el via lando.

Daŭrigo el paĝo 1. Internacia Gazetara Servo.

La gazetaran servon de ĈEĤOSLOVAKIO prizorgas s:ro František Pyttoun, Zamenhofova 1010. HRADEC KRALOVE 11.

La direktoro de ITALA INFORMSERVO de Federazione Esperantista Italiana, s:ro Gian Carlo Fighiera- Via Saluzzo 44, TORINO- skribas:

" Vi certe memoras pri mi, la juna direktoro de Itala Inform-Oficejo kiu dum la Munkena Kongreso dissendis al ĉiuj italaj ĵurnaloj informojn pri la kongreso mem. Mi ĉiam ricevas vian monatan informan bultenon, kun tre taŭgaj novajoj en ĵurnalista vesto, kaj larĝe nia gazetara servo elprenas de ĝi. Kiel vi scias ni eldonas monatan informilon por la gazetaro, nomita "Notiziario Internazionale", kiun D:ro Lapenna juĝas la plej bone farita. Sen viaj informoj nia laboro ne estas eble. La rezultoj estas imponaj:

- 1951 = 300
- 1952 = minimume 500, ĉar dum la unuaj ses monatoj de la asocia jaro aperis jam 300 eltranĉaĵoj.

Pro tio, rilate al la demando entenita en via lasta informilo, mi povas certigi vin ke ne nur via laboro estas utila, sed necesa por la daŭrigo de nia laboro. kaj se vi ĉesus, ankaŭ ni estus devigataj cesi.

? - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - -

Ni ĉiuj scias kiajn klopodojn kaj laboron kostas al vi Internacia Gazetara Servo. Mi esperas ke nia estimo kaj morala konsidero repagu al vi iagrade tiom da laciĝo. Por pruvi nian deziron helpi vin, ni pretigas en Esperanto artikolojn de mondfamaj italaj sciencistoj pri diversaj temoj . Kiam ili estos pretaj ni metos ĉiujn je via dispono por interŝanĝi laŭ via plezuro.

Nenio alia ol saluti vin plejamike,

Gian Carlo Fighiera.

De eble ni el nia itala amiko kaj kolego ricevos materialon publikebla- en LA JURNALISTO por represado en diversaj naciaj gazetoj. Ni ĉiam dankas por tia kunlaboro. Eble niaj kolegoj povas uzi tian materialon, kiun ni en ĉi-tiu numero publikigas pri la gazetaro en Svedlando.

= = = = = = = = = = = =

N O V A J M E M B R O J

168 Andre Ribot, 11 rue Paul Verques, MARMANDE /Lot-el-Garonne/ Francujo.

169 R. Olivaux, Alle Brancas NANTES , Francujo

^^^^ ^^^^ ^^^^ ^^^^ ^^^^

P R I T E J A

kaj ĝia agado raportas la japana gazeto "La Revuo Orienta" en artikolo japanlingva.

E S P E R A N T I S T A J U R N A L I S M O E N B R A Z I L O

Dum la IVa ĵurnalista kongreso okazinta en Recife la ĵurnalisto Ney Octaviani Bernis proponis ke, sekvante la ekzemplon de la ĵurnalista centro de Pernanbuco oni instruu la internacian lingvon en ĉiuj brazilaj ĵurnalistaj centroj. La propono estis unuanime aprobita.

## LA ESPERANTLINGVA GAZETARO

Ĉiu TEJA-membro devas scii pri la amplekso de la esperanto-lingva gazetaro. Tial ni iom post iom volas doni kompletan liston pri esperanto-gazetoj:

E S P E R A N T O, Organo de Universala Esperanto Asocio, HERONSGATE, RICKMANSWORT, HERTZ, Anglujo
Redaktoro Hans Jacob, GENEVO

H E R O L D O DE E S P E R A N T O, Harstenhockweg 223, SCHEVENINGEN, NEDERLANDO. Red. Theo JUNG

F R A N C A E S P E R A N T I S T O, 34 Rue de Chabrol, PRAIS 10, Francujo. Red. Jean Guillaume

THE B R I T I S H E S P E R A N T I S T, official organ of The British Esperanto Association, 140, Holland Park Avenue, LONDON, W 11. Red. K. Alexander

LA MOVADO, Kansi-Ligo de Esperantaj -Grupoj. ĉe Oimatu Bildingo, Sin-Meityo 47, Kita-Ku, OSAKA, Japanujo

OOMOTO, KAMEOKA, KIOTO-HU, Japanujo

POR BELA RIKOLTO, Sendai Esp. klubo, SENDAI, JApanujo

V E R D A T E R O, organo de Klubo Semisto/Medicina Esp.-klubo de Universitato Tohoku, ĉe Kome Ootani 7, Nishiki- tyo, SENDAI, Japanujo

V O C O EL T A J I M I, Tooto Esp. Societo, Tooto LICEO, T A J I M I-urbo, Gifuken, Japanujo

V E R D A F O L I E T O, eldonas Wladyslaw Danda Ciche, k. Cz Dunajca, pow NOWY TARG, Polujo

J U N A V O Ĉ O, red. en POPRAD, ĉeĥoslovakio

L A S K O L T A M O N D O, Gg. Rust, 122 Shirley Ave, SOUTHAMTON, Anglujo.

I N T E R N A C I A B O N H U M O R O, Strindbergsvej 36, KOBENHAVN, Danlando.

L I B E R A K O M U N I S M O, Organo de Anarkista Federcio. Red. T. Yamaga, 36, Kitagosho-cho, Sakyoku, KIOTO, Japanio.

T H E W O R K E R E S P E R A N T I S T, 27 Argyle Road, Ilford Essex, Anglujo

D I A R E G N O, Organo de Kristana Ligo Internacia, HÄLLEBROTTET Svedlando,

F R A N C A K A T O L I K A E S P E R A N T I S T O. 18 rue Ernest- Cresson /f-ino Le Boedec/ PARIS 14.

A M I P, informa bulteno de Agence Mondiale de Presse, 6 Bd Poissonniere, PARIS 9, Francujo /pri mondcivitaneco/

L A S P E G U L O, revuo de Esp. Landa Organizo per Supra Austrio RED= KARL NIGL, Prinz-Eugen-Str.11. LINZ a.d. Donau

BOLETIN de Federacion Esperantista Espanola. Ruzafa 7, VALENCIA, HISPANUJO.

ESPERANTISTO ĈEĤOSLOVAKIO estas nun malpermesita kaj ne plu aperas

S V I S A E S P E R O, red. Otto Walder. Redacia adreso: Hangweg 57, Liebefeld BERN /Svisa Esperanto Societo/

E S P E R A N T O - K U R I E R, OFFENBACH /Main / Germanujo

H E L E N A E S P E R A N T I S T O. Redaktoro: Anakreon Stamatiados, Str. Rodou 23, A T I N E /8/ Helenujo.

LA ESPERANTLINGVA GAZETARO /daŭrigo/ II

M A L G R A N D A R E V U O. Redaktoro Stellan Engholm, HAGGE, Svedujo. Kvaronjare. Jarabono 6 kr.

L A S U D A S T E L O. Oficiala organo de Jugoslavia Esperanto Federacio, Amruŝeva ul, 5/I, ZAGREB, Jugoslavio

N I A K O N T A K T O, Interkontaktilo de la sudaj sekcioj 2k.6 ROTTERDAM, Red. P. v. Buitenen, Narcissenstraat 74, Nderlando.

N I A V I V O . Porblindula revuo en esperanto, BEOGRAD: Jugoslavio

M E D I C I N A R E V U O . Sendependa diskutejo de tutmondaj medicinistoj. Aperas kvarfoje jare. Adreso: Tomozi Aosima, Sinmati 123, TIBA, Japanujo Redaktoro: Prof. Masao Suzuki, Fiziologia Instituto: medicina Fakultato TIBA

E L P O P O L A Ĉ I N I O. Monata Informa Bulteno. Eldonata de Fremdlingva Eldonejo= Red. 26 Kuo Hui Chieh, P E K I N G, ĈINIO. Monata.

L A S T U D E N T O. Intern. studenta gazeto. Box 136, KOPENHAGO K Danlando

N O R V E G A E S P E R A N T I S T O, Boks 94?, OSLO, Redaktoro: Johan Hammond, Rosbach

L A F I L A T E L I S T O. Adreso: J. Coste-Cite du Moulin de Seulis MONTGERON / S& O / Francio

L E T E R O . Oscar Svantesson, Skonertg. 1, GÖTEBORG V, Svedujo

L A B O R I S T A E S P E R A N T I S T O. Organo de laboristaj esperantistoj en Nederlando. Red. Heemstedestraat 44, AMSTERDAM (W)

E S P E R A N T O - S E R V O. Aktuala informa bulteno de Praha Adreso: Mala Stepanska 7, PRAHA II, Ĉeĥoslovakio

K O L O M B O . N:ro 1 aperis dum januaro 1952. Eldonas Rondo Esperantista de Nagoya Universitato, Jura scienca Fakultato. NAKA-ku, Sotobori-ĉo, NAGOJA, Japanio

N O V A P A C I L O, Published by The British Esperanto Peace Committe. N:ro 1, jan-febr. 1952. Redaktoro Ron Lynn, 66 Parkfield Crescent, Ruislip, MIDDLESEX, Anglujo.

N E W Z E A L A N D E S P E R A N T I S T. Redakcio: 34 Argentine Avenue, WELLINGTON, E.4., Nov-Zelando

AMERIKA E S P E R A N T I S T O, 114 West 16th Street, NEW YORK 11 N.Y. Usono

A R B E T A R - E S P E R A N T I S T E N, Barnhusg. 8, STOCKHOLM, Svedlando, Organo de Sveda Laborista Esp.-Asocio

B E L G A E S P E R A N T I S T O, 19 av. Montjoie, UCCLE-BRUXELLES, Belgujo. Reĝa Belga Ligo Esperantista

B R A Z I L A E S P E R A N T I S T O, Praca da Republica 54-I, RIO DE JANEIRO, Brazilo. Brazila Esp.-Ligo

DANSK E S P E R A N T O B L A D, L[illegible] 8, LYNGBY, Danlando

E S P E R A N T O F I N N L A N D O, Onnentie 23, Taivaskallio, HELSINKI, Finnlando

E S P E R A N T I S T O S L O V A K A. Slovakotour, T.S.MARTIN, ĈEĤOSLOVAKIO

L A JURNALISTO

LA ESPERANTLINGVA GAZETARO: III

ESPERANTO EN SKOTLANDO, 23 Drive,Mosspark,GLASGOW S.W.2 ,Skotlando

ESPERANTO-LERNEJO : F:ino J. Dedieu,3 rua Arzac TOULOSE,Francujo

ESPERO KATOLIKA, VLEUTEN / Utrecht / Nederlando

ESTO. Organo por Esperantostockholm.Adreso: Esperanto,Tegelbacken, STOCKHOLM ,Svedlando

FLANDRA ESPERANTISTO.Postbus 342,BRüSSEL,Belgujo

LA ESPERANTISTA LABORISTO, 4 rue General-Malleterre,PARIS 16, Francujo

L'esperanto, Via Saluzzo 44,TORINO, Italujo

La Interligilo, 46 rue Lamartine,PARIS 9,Francujo

L Essor , 47 Avenue de Toulose, CARC S-SONNE,Francujo

LA FOLIO. Organo de klubo esperantista de Malmö,Kamrersg. 3 a II MALMÖ ,Svedujo

LA JUNA VIVO, TJO-Centro, West-GRAFTDIJK,Nederlando
LA PONTO , Engelbertstr.7 MüNCHEN -PASING,GERMANUJO
LA P R A K T I K O , Riouwstraat 172,DEN HAAG,Nederlando
LA PROGRESANTO , Heemstedestr.44,KM AMSTERDAM W, Nederlando
L A R E V U O O R I E N T A :Hongo-Motomati,TOKIO, Japanio
LA RONDO, 2 Banchory St. ESSENDON,W 5,Victoria, Australio
KINEMA,Organo dd Rondo.Redaktoro Y.Huzita,Higaside-tyo 3-11, Nakagawa-ku,NAGOJA,Japan

VOKO EL NAGOJA.Organo de Nagoja Esperanto Societo: Syowa-ku, Kurumada-tyo 2-39,NAGOYA,Japanio
NEDERLANDA ESPERANTISTO, Stadionkade 6 AMSTERDAM-Z,Nederlando
S.A,T. AMIKARO 67 Av.Gambetta,PARIS 20,Francujo
S C I E N C A R E V U O = J.Muusses,purnerend,Nederlando
S E M I S T O . Katholische Esperanto-Zentrale,Schalterfach 239, MüNCHEN,Germanujo
SENNACIULO, 67 Av.Gambetta,PARIS 20,Francujo -
SVENSKA ESPERANTO-TIDNINGEN /La Espero/ Box 19071,STOCKHOLM 19, Svedujo
V O J O - V E R O - V I V O, Fraterhuis,LOONOPZAND / N.Br./ Nederl.
KITANO. Organo de Esp.Rondo de Kitano Altlernejo,Juso,Higasi Yodo-gawa-ku OSAKA-SI,Japanujo
L A M I G R A N T O. Oficiala ligilo de la Esperantistaj Naturamikoj, M.Wiedenmann,Herzogstr.74,MüNCHEN-13,Francujo
LA MOVADO. Kansai-Ligo de Esperantaj Grupoj,ĉe Oimatu Bildingo, Sinmeityo 47 ,Kita-ku, OSAKA,Japanio
LA TORCO , Organo de Esperantista Societo de Fukujuen,Koga,FUKUOKA JAPANIO
ORA ELEKSO. Organo de Esp.grupo "Libero"Laboro,K-do Martin, 33 rue Duhamel,RENNES,Francujo
VERDA STELO. Informilo de Labor-Unuiĝo Rejno-Nekaro kaj de EKO-centro. Josef Reichert,BÖCKSTR.7 MANNHEIM,Germ.
ARGENTINA ESPERANTISTO, Castelli 265, BUENOS AIRES; Argentina
INFORMILO DE INTERNACIA ESPERANTO MUZEO EN WIEN: Red. Kontega Kons. Hugo Steiner, Hofburg. WIEN I ,Austrio

LA ESPERANTLINGVA GAZETARO : IV

LA MOVADO .Gazeto eldonita de Kansai-Ligo de Esperantaj grupoj ĉe OIMATU BILDNINGS. Sinnetyô 47.Kita-ku.OSAKA ,Japanio
ESPER-nanta GAZETETO,ĉiumonata, Envoi de R. Olivaux, 17 Rue Contrescarpe,NANTES,Francujo.
OBSERVANTO de FINNLANDO kaj la MONDO. Eldonas R. Milton,Joukolantie 1 b B 13,HELSINKI-Kä,FINNLANDO
INTERSTENA INFORMILO. Redaktas: C.Daglio via Campanella 35 TORTONA / Aless/ Italio.

XXXX xxxx xxxxx xxxxx XXXX

TEJA-MEMBROJ LABORAS.

Nia v. sekr. redaktoro Niilo Kavenius raportas ke li tradukis kaj publikigis 16 artikolojn ricevitaj el Ĉinio,14 el Hungario,plejparte artikoloj el Balkayi/, 7 el Germanio, 3 el Japanio,3 Ĉehoslovakio, 2 Polio, 1 Bulgario, 1 Koreio, 1 Nederlando kaj skribis 4 esperantokolonojn.

Nia Jugoslava membro Nina Vidervol,kunlaboranto en la virina gazeto NAŜA ZENA skribis artikolon pri esperanto,En la gazeto Mladi Svet ŝi havis longan artikolon pri Esperanto kaj la junualaro,

XXXXX XXXXXX XXXXXXX

EN SVEDLANDO

sin montris tendencoj ke homoj /viroj kiel virinoj/ pli ol 40-jaraĝaj ne plu havas saman ŝancon en la labormerkato kiel pli junaj homoj. Neniu volas plu dungi personon /permanente/, se li jam pasis tiun krizan aĝon,ne en fabrikoj nek en kontoroj. En la radio oni ĵus parolis kontraŭtiu nehonorinda ago de la labordonantoj.

Tamen nun ne ekzistas senlaboreco en Svedlando -por kelkaj grupoj,kiuj ne trovas laboron en sia fako la ŝtato aranĝas laboron,aŭ subtenon se ili ne povas labori pro ia malsano.

En multaj metioj mankas fakaj laboristoj.

PAGU LA MEMBROKOTIZON POR L/%( 1952

xx Pagu la kotizon direkte al Einar Adamson,Värmlandsg.18,GÖTEBORG aŭ al vialandaj TEJA-delegitoj:
FRANCIO:Red. Andreo Remond, 110 Boulevard de Clichy,PARIS
ANGLUJO: Ĵurnalistino Hilda Stevens 25 Chalcot Square,Regents Park LONDON N.W.1
NEDERLANDO: Ĵurnalisto G.J. Minholts,OOSTERHOOGEBRUG A 175
ĈINIO= Red. de "El Popola Ĉinio"26 Kuo Hiu Chieh,PEKING /Menciu konto :Adamson Göteborg,Svedio/
FINNLANDO= Red. Niilo Kavenius, Niklaksenkatu 10/14,TURKU
SLOVENIO: Kralj Drago,Rozne dolina 6/22 LJUBLJANA,Jugoslavio

DANUJO: Danoj nun povas pagi direkte al Göteborg. 5 danaj kronoj.

xxxxx xxxxx xxxxx

ĈU VI SCIAS

ke dum esplorado de laboristoj tiujn,kiujn oni konsideris bonegaj,estis neznombre pli aĝaj ol 47 jaroj dum malpli bonaj havis mezan aĝon de 41 jaroj.

ke bone preparita manĝaĵ estas signifoplena por la laborkapablo de nejunaj laboristoj.

ke la esploro montras,ke certa grupo de laboristoj pli ol 60-jaraĝaj estis elmetataj al nur duone tiom da okcidentoj kiom 20-jaraĝaj

= = = = = = = = =

Skribu aŭ traduki artikolojn por LA ĴURNALISTO .

LA SVEDA POPOLO LEGAS GAZETOJN

Por komproni ĉi-suban statistikon vi devas scii ke Svedlando nun havas 7 milionojn da enloĝantoj.

En Svedlando eldoniĝas nun 240 ĉiutagaj gazetoj kun eldonkvanto de 3.474.700 ekz. po tago.

La liberalula partio eldonas 63 gazetojn kun 1.689.100 ekz. pô tago do 48.6 procentoj de la gazetoj. Ofte estas privataj entreprenoj, ne apartenantaj al la partio.

Ekzistas 80 konservativaj gazetoj ĉiutagaj-multaj privataj, kelkaj pariposedataj.- kun eldonkvanto 785.600 = 22.6 %

La plej granda partio-la socialdemokrata eldonas 36 gazetojn.608.300 ekz. = 17.5 %

La agrara partio havas 18 gazetojn kun 145 ekz. = 4.2 %

La komunistoj havas 8 ĉiutagajn gazetojn,eldonkvanto 65.600= 1,9 %.

Krome estas 35 gazetoj,sen politika tendenco-eldonkvanto 180.300 ekz. Ekzistas ankau multe da lokaj gazetoj,kiuj aperas 1,2 aŭ3 fojoj semajne.

Ni scias ke la potenco de la gazetaro estas granda. Tial certe multaj miras ke socialdemokrata partio estas la plej granda tamen ke la eldonkvantoj de liberalulaj kaj konservativaj estas pli grandaj. Tiu plej kredeble dependas de la fakto ke ofte la burĝpolitikaj gazetoj estas pli fortaj ekonomie kaj tial havas pli da paĝoj kaj multe da anoncoj pri personaj aferoj,pri lueblaj loĝejoj, aĉetado kaj vendado.

Por pli bone komprenigi la situacion ni notas la ciferoj de la lastaj komunumaj elektadoj ~~xx~~ por diversaj partioj:

Socialdemokratoj ricevis 1.862,415 voĉoj au 48,7 %,liberalula partio 832.865= 21,8 %,agraroj 468.828 = 12,3% ; konservativuloj 468.493 = 12,2 %; komunistoj 187.707 voĉoj = 4,9 %; aliaj partioj 2.540 .

La statistika materialo pri la taggazetaro montras ke la eldonkvantoj pligrandiĝis pli dum la lastaj dek jaroj ol dum 20 jaroj dum la periodo 1920-1940

Ni devas ankau noti ke ekzistas amasoj da sindikataj jurnaloj ,ĉar ĉiu fako havas sian organon ,la plej multaj kun socialdemokrata tendenco.

---

STATESTIKO DE "UNESCO" PRI "World Communications"

TEJA-estrarano HENRIK KARLSSON,Kisa sendis al ni sekvantan raporton de UNESCO:

224 milionoj da gazetoj ĉiutage vendiĝas en la mondo kaj

182 milionoj da radioaparatoj disdonas novajojn kaj propagandon. Tamen milionoj da homoj nek vidas nek povas legi gazetojn.

67 % de la gazeta papero estas konsumata en Usono kaj nur 1 % en Hindio.

En Svedlando oni havas 301 radioaparatojn por miloj da enloĝantoj.

53 % de ĉiuj gazetokzempleroj estas vendataj en Eŭropo kaj en Usono 25 %,sed la usonaj gazetoj estas multoble pli dikaj. La britoj estas la plej diligentaj gazetlegantoj kaj aĉetas 596 gazetojn por milo da enloĝantoj.

Novaĵo por traduki kaj represi en la nacia gazetaro:

# I N T E R N A C I A  I S L A M A

## AKADEMIO DE SCIENCOJ, LITERATURO KAJ ARTO.

La revekiĝanta islama mondo baldaŭ havos sian plej altan kulturan reprezentantaron: Internacian Akademion de Sciencoj, Literaturoj kaj Belaj Artoj.

Organiza komitato de tiu respektinda korporacio konsistas ĉi-momente el 117 islamaj sciencistoj kaj literaturistoj kiuj reprezentas 28 landojn. En la dirita komitato partoprenas la plej famaj kaj eminentaj intelektuloj islamaj,porekzemple: Prof. Dr Ahmad Amin Bey,Genarala direktoro de la Kultur-Departemento de la Ligo de Arabaj Ŝtatoj, Sidi Abdullah Guenneum en Tanger,Prof. D-ro Zakir Husain,Rektoro de Islama Universitato en Aligarh,Prof. Nawab Ali Yavar Jung Bahadur,Rektoro de Universitato Osmania en Hyderabad,Prof. Mohammed Abd-ur Rahman Khan,prezidanto de la Akademio de Sciencoj en Hyderabad k.t.p.

Honora Komitato de la movado konsistas el mondfamaj ne-islamanaj sciencistoj: D-ro Arthur J.Arberry,prof. de Universitato de Cambridgw, D:ro M. Baltazard, dir. de Instituto Pasteur en Teherano, Prof. Hector O.Corfiato,Dir. de Lernejo de Arĥitekture en Londono. Rev De Lacey O Leary. Lektoro en la Universitato de Bristol, D-ro Francesco Gabrieli,prof. de la Universitato de Romo,Prof. Louis Massignon el College de France kaj D:ro Otto Spiess,prof. en Universitato de Bonn.

Organizantoj de la Akademio deziras ke ilia institucio ĉiam estu strikte internacia kaj nepolitika.

Amikoj de islama kulturo,kiuj volus kontakti la Akademion povas skribi al Generala Sekretario ,Prof. Ismail Wieslaw Jezierski,Prusa Strato No 4/22, KRAKOW 1.,Pollando

/ TEJA-informo/

= = == = = = = =   = = = = = =

La supran novaĵon TEJA ricevis direkte el profesoro Jezieraki - li estas esperantisto-. Li petas ke ni disvastigu ĝin. Lia opinio estas ke ni tiamaniere havos ŝancon atentigi la islamanojn pri Esperanto.

La konata pola profesoro Mieczyslaw Signarski,lektoro de Esperanto en Universitato,deledito de UEA kaj UL rekomendas la membrojn de TEJA helpu disvastigi la informon kaj li proponas ke la gazetnumeroj enhavontaj la diritan komunikaĵon estu bonvole sendotaj al S:ro Jezierski ke li povu precize konstati la rezulton.

Prof. Jezierski publikigos en Oficialaj Bultenoj de la Akademio komunikon pri la rezulto,substrekante la helpon de TEJA kaj tiamaniere li povas agiti Esperanton inter la Akademianoj. Ni volonte represis la komunikaĵon,kredante ke estas tre grava afero.

Estas ankau bone se vi rapotas al TEJA-sekretario pri la gazetoj kiuj represis la tutan aŭ parton de la informo.

XXXX  xxxxx  XXXX

KUNLABORU EN: LA JURNALISTO ! !

P_A_R_T_O_ DE LA _USONA_ ARMEO UZAS_ E S P E R A N T O N

NEW YORK ,majo 1952. "American Esperanto Magazine" ,kiu estas eldonata en New York el armeaj ĉefoj ricevis rajton sciigi ke Esperanto nun estas oficiala lingvo por taktika trupo en usona armeo. Ĝi jam dum longa tempo estis uzata por komandoj kaj dokumentoj. La taktika trupo reprezentas nedifinitan "malamikon" en militaj manovroj kaj tial ĝi estas nomata la organizo "Aggressor" ,t.e. "Atakanto".

La trupo tial bezonis lingvon diferencan de la angla,sed ankaŭ,pro bone kompreneblaj kaŭzoj, diferencan de ĉiuj naciaj lingvoj . La lingvo bezonata devas esti facile lernebla.Tial oni elektis Esperanton. La supre menciita gazeto publikigis leterojn de Kolonelo Harry Henry kaj de kapitano William H.Sachs pri la uzo de Esperanto . La armeo eldonis specialajn lernolibrojn kun faka terminologio kaj speciala vortaro. Tiuj estas destinitaj por interna uzo kaj ne povas esti sendataj al eksteruloj.

Kolonelo Harry Henry skribas: "Novaj lernolibroj de la Atak-armeo estas de kelkaj monatoj en preparo,kaj post eldono la oficiala lingvo de la Atak-armeo estos Esperanto . En ĝi estos vortaro kaj bibliografio de taŭgaj libroj pri tiu lingvo."

La kapitano William H. Sachs,funkcianta Helpadjutanto-Generalo skribas el la Armea ĉefstabejo:

" Esperanto estas adoptita kiel la oficiala "Atak-armea" lingvo La uzo de Esperanto tamen ne signifas,ke la "Atak-armeo" ne utiligos aliajn lingvojn. ----- Limigita Esperanto-vortaro estas kunigita de la "Atak-armea" Cefstabejo por uzo ĉe manovroj.

--------------

Interesaj dokumentoj,kiuj estas publikigindaj en la naciaj gazetoj. Eble la amerikanoj helpos nin popularigi Esperanton. Kiu alia armeo-aŭ oficiala instanco- havos kuraĝon fari similon. Ĉu ekzistas en via lando tiom da kuraĝo inter la autoritatoj.

= = = = = = = = = =

CIUJ TEJA- ANOJ KAJ JURNALISTOJ
kiuj vizitos la Universalan Kongreson en OSLO estas petataj sciigi tion al sekr. Einar Adamson,Värmlandsg. 18,GÖTEBORG, Svedlando. TEJA havos sian 6 -an kongreson tie.

VENONTA UNIVERSALA KONGRESO -La 38-a - OKAZOS 1953 EN Z A G R E B.
ONI ANTAŬVIDAS KE LA 39-a OKAZOS EN AMSTERDAM 1954.
= = = = = = = = = = =

E_S_P_E_R_A_N_T_I_S_T_A_ _O_L_I_M_P_I_A_ _S_E_R_V_O.

Olimpaj Ludoj kiel internacia okazaĵo ĉiam havas lingvoproblemojn. Tio estas konstatebla ankaŭ en la aranĝoj por la XV Olimpiado en Helsinki,Finnlando..

Oni atendas 150.000 eksterlandanojn kaj jam konstatas,ke inter ili estas multaj Esperantistoj. Pro tio la diversaj Esperanto-organizaĵoj starigis servokomitaton: Esperantista Olimpia Servo, Töölöntullinkatu 7,A,2, HELSINKI- TÖÖLÖ, Finnlando. Prez. estas Kaarlo Jokinen.